# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

Google Translate Plena Ilustrita Vortaro

**PLENUMITA 20/07/2017 Tricent-tridek-unua eldono (unua eldono 20/09/2011)**





Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer** **Provlegita de Vera Payne**




SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **942,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **167,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,109,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**





**La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.**

http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine



# La gramatikaj (lingvaj) kategorioj. C.



Ĉar en okazaĵo kutime ĉeestas ago, la plej grava gramatika parto de bildo estas la afero kiu faras la agon. En la gramatiko ni nomas tiun parton la Subjekto, kaj ĉar ĝi estas la plej grava, la afero pri kiu ni donas pliajn informojn, ĝi normale aperas en la lingvo unue, unue en la frazo. Ĝia formo estas substantivo, aŭ alia kategorio funkcianta kiel substantivo. Se la bildo montras viron kiu batas hundon per bastono (verŝajne ĉar ĝi malstulte manĝis lian tagmanĝon), la batado povas doni la plej grandan impreson kaj tial ŝajni la centro de la bildo, de la okazo, sed en la lingvo, kiu esprimas la bildon en sisekvo de momentoj, do de tempo, la plej grava parto estas la aganto, la Subjekto, ĉar ĝi estas la afero kiun la ago difinas, ĝi do estas la gramatika elstaraĵo kaj komencas la priskribon, la frazon. La kerno de tiu Subjekto, estante substantivo, povas ĉehavi iun ajn nombron da aldonaĵoj pliampleksigantaj bilderon tian. Tiuj aldonaĵoj estas adjektivoj aŭ vortoj kun adjektiva funkcio. Tiel ĉe "Viro batas hundon" oni povas plidifini la Subjekton "viro" per "La" (= gramatika Artikolo), "juna" (= Adjektivo), "Unu (= Numeralo) , "en la blua bluzo" (= Prepozitivo), kaj ", kiu perdis sian manĝon" (= Suborda Propozicio).

(daŭrigota)

*Marcel Leereveld.*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

## Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.

## Bona rakonto kaj bona Esperanto



### Ĉapitro 1 Mia infanaĝo (14a parto)

Ĉiun matenon aŭ Gerda kaj mi, aŭ Børge kaj mi, aŭ Gerda kaj Børge devis iri al la bienposedanto por aĉeti lakton. Ne nur ni faris tion, ĉiuj malriĉuloj tion faris. Ni kunportis kun ni malgrandan sitelon kun kovrilo, mi supozas ke en ĝin oni povis verŝi du litrojn da lakto. Iun matenon, en la korto, staris la plej grandegaj ĉevaloj, kiujn mi ĝis tiam vidis. Diris Gerda, "iru karesi ilin, vi ja tre amas ĉevalojn". Mi alproksimiĝis al ili, kaj unu el ili levis sian kapon, verŝajne nur por saluti min, sed mi ektimis kaj forkuris. Ridegis Gerda. Feliĉe la bienista familio ne vidis tion. Ĝi sidis en la kuirejo ĉirkaŭ granda tablo en la kuirejo manĝante. Estis lume kaj varme tie. Ili sciis, kion ni volas, kaj ili ĉiam estis tre afablaj kaj ĝentilaj. Ni ĉiam ricevis la lakton malmultekoste. La bienposedanto neniam menciis al ni, ke ni ŝtelis liajn trifoliojn. Li sciis tion, kaj ni sciis tion. Kion li ne sciis, estas, ke ni ŝtelis ankaŭ de li brasik- kaj sukerrapojn.

Ĉar okupis Danlandon la germanoj, mi estis devigata lerni ilian lingvon. Mi devas konfesi, ke tio ege interesis min, sed mi devas ankaŭ konfesi, ke miaj kamaradoj ne permesis, ke iu parolu la germanan, kio devigis min ŝajnigi min same stulta kiel ili.

Kiam mi estis feriinta en kelkaj malsamaj lernejferiejoj, mi iris ferii ĉe bonkoraj gebienposedantoj en la nordokcidento de la insulo, Fueno. Mi revenis kelkajn fojojn jaron post jaro, eĉ kristnaskon mi iam tie pasigis post kiam mi estis 15-jara plenkreskulo kun propra biciklo kaj laboranta kiel ceramikisto.

La vojaĝo al Odense, la tria urbo dana, naskiĝejo de Hans Christian Andersen, daŭris pli-malpli ok horojn per vagonaro. Post Odense mi iris per privata vagonaro al Gamby, Tiu vojaĝo daŭris proksimume tri kvaronhorojn, sed interese estas, ke tiu de Gamby ĝis Odense daŭris nur kvardek kvin minutojn ! En Gamby atendis min, fakte mi devus diri nin, veturilo tirata de du grandaj ĉevaloj. Ni metis niajn valizojn sur la veturilon, kaj veturis malrapide proksimume duonan horon al la vilaĝo "Hindevad", al la bieno "Rønnemoselund", kie mi devis loĝi ses semajnojn. Kompreneble mi kunhelpis pri la diversaj taskoj en la bieno, mi estas ja laborema, ĉu ne?

Krom mi estis ankaŭ aliaj kopenhaganoj en la veturilo. Iu knabino elveturiliĝis unu domon antaŭ la bieno, kaj post la bieno iu knabo. Post la milito du gefratoj el Francujo feriis en la loka trinkejo!

Tio, kio plej interesis min, estis la lingvo, kiun oni parolas sur la insulo. Estas almenaŭ du malsamaj dialektoj sur la insulo, kaj nia estis verŝajne la plej amuza. Estas en fuena dialekto tri genroj, vira, ina kaj neŭtra. En la oficiala lingvo dana estas nur du, neŭtra kaj komuna. Mi devis do lerni kelkajn novajn finaĵojn. Ankaŭ la elparolo de la lingvo estis io nova por mi, sed mi lernis ĝin. Oni tie uzas ankaŭ kelkajn aliajn vortojn, kiujn mi ne konis, sed nuntempe mi bone povas paroli kaj konversacii kun la fuenanoj, parte pro tio, ke ili mem senkonscie devis lerni la danan, ĉar la televido parolas plej ofte nur ĝin!

Mia lernejo estis tre malbona, "lernis" en ĝi multaj nelernemaj knaboj. Survoje al ĝi mi preterpasis la multajn kampojn de la bienisto, kiu loĝis apude. Mi jam priskribis lin. Li kaj iu alia plugis la kampojn per nur unu ĉevalo. Mi ofte haltis kaj rigardis tion, ĉar mi amas ĉevalojn. Mi povis sekvi la sezonojn de la jaro rigardante la laboron de la bienposedanto.

Mi preterpasis ankaŭ la gasfarejon de Valby. Mi vidis la multajn ĉevaltiratajn veturilojn plenajn de karbo, kiuj eniris la gasfarejon. El la karbo oni faris gason, kaj restis el la karbo nur koakso, kiu uzatis por kovri malgrandajn vojojn ĉirkaŭ Kopenhago. Ni eliris kun ŝraŭbiloj kaj elpikis la koakson, kaj uzis ĝin en la sidoĉambra forno. Ankaŭ ni devis vivi varme, ĉu ne?

*Daŭrigota* *Bob Felby*



# Ĉu vi subskribs la peticion?

Se vi ne jam faris, klaku kaj subskribu la verdan supran lokon. klaku ĉi tie

Esperanto bezonas milionojn da nomoj. Kion faras la milionoj da Esperantistoj? Subtenu nin! Ĝis hodiaŭ nur 408 subskribis tiun peticion. (Por Esperanto, tiu peticio povus esti gravega,)

*Roger Springer*





## La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.

La 15a de Julio estis la tria sabato. Estis malvarma tago sed bona Esperanto-kunveno




*Eunice Graham Michael Peters John Casey Roger Springer*

Ian Wylles venis post kiam ni fotis. Kvin homoj ĉeestis. Bona grupo. Chris havis aŭtan problemon kaj ne venis.La Esperanto-flago estis presita el la informaj paĝoj de AE 330. Bela kaj konvena, ĉu ne! *Mi ĉeestas tiun bonan Esperanto-klubon kaj raportas al AE pri la klubo.*

*Roger Springer*



# La Verda Stelo



La Verda Stelo estis unue proponita en iu 1892 artikolo en 'La Esperantisto' por uzo kiel simbolo de reciproka rekono inter esperantistoj.
Dum jaroj ĉiu sciis, ke esperantisto identigas sin per la malgranda verda stelo kiun li portas. Nun la plej multaj Esperanto-parolantoj ne plu portas tiujn pinglojn. Kial ne? Roger Springer



# N O V A Ĵ O J E L M I .



## MALRENKONTOJ APUD MIA ĜARDENO.

Okazas kelkfoje, ke oni ne volas rilati kun Esperantisto; tio ankaŭ al mi okazis, bedaŭrinde. Sed ke oni ne rilatas al Esperantisto kiu loĝas en onia malgranda strato, estas ege malofta; sed ankaŭ tio okazis al mi. Pasintsemajne mi menciis, ke antaŭ mia naskiĝo en 1917 loĝis en vilaĝeto de farmistoj 40 km oriente de Melburno instruistino kiu estis Esperantisto.
Ŝi loĝis en la domo en kiu loĝas nun mi. Kiam en 1966 mi ekloĝis en ŝia domo, ŝi jam estis morta. Sed ŝi havis filinon kiu estis ankaŭ Esperantisto, kaj tiu loĝis kelkajn domojn for en mia mallonga strato. Ŝi estis tre maljuna, kaj kelkfoje promenis en la strato, kaj tiam mi simple diris "Bonan tagon", en la angla, ĉar tiam, dum la fino de ŝia vivo, mi ankoraŭ ne legis, ke ŝi estis Esperantisto. Kaj ŝi ne povis diveni, ke mi estis Esperantisto. Do mi maltrafis scii, ke unu el miaj najbaroj parolis Esperanton, kaj ni neniam interrilatis kiel Esperantistoj. Bedaŭrinda afero! M.L.



## LA TEMPORILATOJ EN ESPERANTO.

Tio, kion oni en lingvismo nomas la aspektoj aŭ la temporilatoj (imperfekto, perfekto kaj predikto, kune, kaj pli en kelkaj lingvoj) vere indikas, almenaŭ en Esperanto, la staton de la ago kiel vidatan de la parolanto, kaj tial devus nomiĝi la verbostato. Estas la voĉoj kiuj devus nomiĝi la aspektoj, ĉar ili indikas la direktojn laŭ kiuj oni povas rigardi, "spekti", la agojn. Sed la malĝustaj titoloj estas tiom pasintece kaj tiom vaste plu uzataj, ke ankaŭ ni devas uzi ilin. Nu, en Esperanto estas precipe tri tiaj verbostatoj, pli bone titolataj "agostatoj" ĉar reprezentataj ne per verboj: la imperfekto, la perfekto, kaj la predikto. Ĉiuj tri esprimatas en nia lingvo per adjektivoj, per participaj adjektivoj, kontraŭe al la etnaj lingvoj, en kiuj tiuj agostatoj esprimatas per verboj, per verbaj participoj. La Imperfekto indikas la unuan parton de duparta ago, do la ago ankoraŭ ne venis al sia fino: oni ne scias ĉu la dua parto okazos, oni tion ne vidas en la bildo nek en la lingvo. En la angla tiu verbostato nenecese okazas tro tre multe, kvazaŭ ĉiuj agoj nefiniĝas kaj daŭras: *I am telling you the truth* por la simpla 'Mi diras al vi la veron'. (La kaŭzo verŝajne estas la troa mallongeco de la oftaj verboj en la angla). En aliaj etnaj lingvoj kaj en Esperanto oni plej ofte uzas la imperfekton nur kiam la ago (aŭ, en Esp., la aga stato) interrompatas de alia ago, ekz. "Ni estis manĝantaj, kiam subite okazis tertremo". En la Perfekto oni indikas la rezulton de antaŭa ago, ekz. "Mi ne malsatas ĉar mi estas manĝinta", kie oni normale uzas "... ĉar mi jam manĝis". Kaj en la Predikto oni indikas ke en certa

momento la ago ankoraŭ ne okazis; do oni indikas la staton en kiu estas aŭ estis aŭ estos aŭ estus aŭ estu agon atendanta substantivo. Ekz. "La gefiloj ankoraŭ malsatas ĉar ili estas k.t.p. manĝontaj." Do kontraŭe al la etnaj lingvoj Esperanto esprimas la agostatojn per adjektivoj, kio estas pli logika. Konsekvence ili ne estas verboj kaj ne apartenas al la verbsistemo. Aliflanke, por anstataŭe indiki simplan agon, ni en Esperanto devas uzi solajn verbojn, kiel "La viro batas (NE 'estas batanta') la hundon" kaj "La hundo batatas (NE 'estas batata') de la viro" kaj "La hundo batiĝas (NE 'iĝas batata')" kaj "Mi batigas (NE 'estas batiganta') la viron (la hundon)". Por ĉiuj kvar kazoj ni uzas nur unu verbon, ĉar okazas nur unu origina ago. M.L.

# NE FORĴETU MANĜEBLAĴOJN!

Hieraŭ en la ĵurnalo mi legis, ke la melburnanaro forĵetas ĉiujare kvanton da manĝeblaĵoj povantan nutri milionojn da malsategaj kaj mortantaj homoj en la mondo. Tiuj forĵetitaj manĝaĵoj krome kostas al ĉiu melburna familio $ 2.200,-- ĉiujare. Mi havis multajn spertojn pri tio, ĉar mi instruis dum tridek jaroj en privataj mezlernejoj aŭstraliaj. En tiuj lernejoj la gejunuloj venas plej multe el sufiĉe riĉaj familioj. El tempo al tempo mi rigardis, post la lunĉhoro, en la lernejajn rubujojn kaj vidis la grandan kvanton da forĵetitaj manĝaĵoj. Ofte mi vidis ankoraŭ pakitajn lunĉojn preparitajn de la patrinoj: la knaboj aŭ knabinoj simple forĵetas la tuton kaj iras al la lerneja butiketo por aĉeti malvalorajn sukerajn kaj salajn manĝaĵojn. La kvanto de tiuj manĝeblaj nutraĵoj forĵetataj estas grandega. Se ne ekzistus riĉaj familioj tio ne okazus. Kaj la nutraĵoj povus savi milionojn da malsategaj infanoj kaj geviroj. M.L.



# KIAL LA MULTAJ ERAROJ ĈE LA PARTICIPOJ?

La kaŭzo estas, ke en la eŭropaj lingvoj la pasiva participo, vu, puni; seen, punished; gesehen, gestraft, ne indikas tempon, ne pasintecon, sed nur pasivecon, kaj ke tiuj samaj "pasintaj participoj" indikas tempon, pasintecon, en la aktiva voĉo. Sekve la kompatindaj eŭropanoj pensas, ke tiuj en la aktiva voĉo pasintecaj participoj havas tial ankaŭ en la pasivo finaĵon pasintan, kaj ili tial malĝuste uzas du pasintecojn . Ekz. en la franca "Il a trouve' sa bicyclette" (Li trovis sian biciklon) la participo "trouve'" indikas ne la pasivon sed nur la pasintecon, dum en "La bicyclette a e'te' trouve'e" la vorto "e'te'" indikas nur la pasintecon kaj la nur ŝajne pasinta "trouve'e" indikas nur la pasivecon, ne iun tempon. La francoj kaj aliaj ne konscias pri tio kaj tial malĝuste uzas en Esperanto du pasintecojn, nome "estis trovita", anstataŭ la ĝusta "estas trovita", aŭ la pli ĝusta "trovatis". Kompatindaj eŭropanoj! Kaj eraraj redaktistoj! .



Noto scienca: En la fora estinteco la funkcioj de la participoj en la eŭropaj lingvoj estis aliaj ol nun. M.L

**RUSA POLITIKO.** Ĉu vi memoras la flugmaŝinakcidenton en Ukrajno antaŭ kelkaj jaroj, en kiu akcidento mortis ĉiuj vojaĝantoj, inter kiuj tre multaj delegitoj por internacia kunveno por ekologie savi nian planedon? Nu, tiu flugmaŝino MH17 estus fluginta sendanĝere super la orienta Ukrajno, se la iama rusa prezidisto Gorbaĉof, de ukrajna deveno, ne estus, en sia grandanimeco, doninta kiel donacon al la tiam ekanta nova nacio Ukrajno grandajn areojn da ruse parolanta teritorio, aŭ se Ukrajno estus rifuzinta tiun donacon. M.L.



*Marcel Leereveld.*

# Tria Speciala Ekskurso, 2018 en Nepalo

La Nepala Esperanto-Asocio anoncas 11 tagan specialan ekskurson ekde la 26a de Februaro ĝis la 8a de Marto 2018. Ĉiuj scias ke Nepala Esperanto-Asocio okazigas la Himalajan Renkontiĝon, ĉiun duan jaron (ĉi jare ni sukcese okazigis la 12an). La Himalaja Renkontiĝo signifas plejparte piedvagadon en la montaro, sed tio ne taŭgas al ĉiuj aĝogrupoj. Multaj samideanoj volas viziti Nepalon, sed timas tian marŝadon. Jen jam trian fojon ni okazigos, do, ekskurson al famaj nepalaj turismaj lokoj, atingeblaj per buso kaj situantaj piede de belaj pejzaĝoj, inkluzive la famajn montarojn videblajn en Katmanduo, Ĉitlang -Daman, Ĉitaŭan Nacia Parko, Lumbini (la naskiĝloko de Budao), Ŝirubari (tre fama hejmloĝado en Nepalo) kaj Pokhara. La nepala Esperanto-movado kreskas pli kaj pli, sed anoj de Nepala Esperanto-Asocio ne povas viziti eksterajn landojn - pro la kosto. Tamen, almenaŭ eblas inviti geamikojn el aliaj landoj tien ĉi. Kaj tio montriĝas fakte efika programo. La ĉefa celo de la programo estas konigi Nepalon kaj nepalajn Esperantistojn al la mondo kaj reciproke.

Kontaktu "Nepala Esperanto" <nespa.1990@gmail.com>

sendis *Heather Heldzingen*



# Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 16a de Julio naŭ homoj kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni finfine renkontis la famulon Matt de 3ZZZ kaj ĉiuj amike babilis.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 17a de Julio kvin homoj kunvenis ĉe Ross House. Ni babilis kaj tradukis iom pli da *Mil kaj unu noktoj.*

**VENONTAJ KUNVENOJ**

| | |
|---|---|
| Dimanĉon 23a de Julio je 15:00 | Dimanĉa kunveno, ĉe **nova loko:** ACMI Cafe & Bar, Federation Square |
| Lundon 24a de Julio je 18:30 | Lunda kunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane |
| Sabaton 29a de Julio je 19:00 | Ludvespero ĉe Alchemists Refuge, 328 Little Lonsdale Street |

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 857
Instagram – 78
Facebook – 295
Telegram – 20
Twitter – 270

*Joanne Johns*



# amikumu




Saluton legantoj de la Aŭstralia Esperantisto.

Mi estas Richard Delamore, esperantisto kaj entreprenisto el Sidnejo. Mi volas iomete paroli pri Amikumu. Multaj el vi eble eĉ neniam aŭdis pri Amikumu!

Esence, Amikumu estas saĝtelefona aplikaĵo (apo) per kiu oni ĉiam kaj ĉie povas trovi proksimajn lingvolernemajn partnerojn (inkluzive esperantistojn). Ankaŭ Amikumu estas rapide kreskanta aŭstralia firmao, kiu nuntempe dungas internacie ses esperantistojn.

Amikumu estas ege populara aplikaĵo inter junaj esperantistoj kaj ni registras pli ol 4700 aktivajn uzantojn. Efektive ni estas tiom popularaj, ke la Universala Esperanto-Asocio fariĝis nia Oficiala Sponsoro. Vi povas legi la gazetanoncon pri tio ĉe: http://www.uea.org/aktuale/komunikoj/2016/UEA-farigxis-la-Oficiala-Sponsoro-de-Amikumu

Hodiaŭ mi skribas ĉi tie ĉar mi volas prezenti oferton al vi ĉiuj. Amikumu estas serĉanta investontojn. Je la komenciĝo de aŭgusto 2017, ni ebligas al la Esperanto-publiko investadon en Amikumu. Ni celas kolekti 50.000 EUR (75.000 AUD) kontraŭ 7,5% akcia posedo (de unu aŭ pluraj investontoj).

Se investado en Esperanto-firmao interesas vin mi alte rekomendas, ke vi legu:

- nian komercan planon (16-paĝojn longan): https://drive.google.com/file/d/0B3Yl8MBaGEF7czd0d1ZSdDhqak0/view
- kaj prognozojn: https://drive.google.com/file/d/0B3Yl8MBaGEF7R2NZV19CUC1jUWs/view

Ĉio estas en Esperanto.

Ankaŭ pro tio, ke Amikumu estas aŭstralia firmao ekzistas ege avantaĝaj kondiĉoj pri imposto por aŭstraliaj investontoj.



Se vi volas diskuti la temon pli profunde, nepre kontaktu min!
richard@amikumu.com Informas *Richard Delamore*.



# N O V A Ĵ O J   E L   V I .

**Sendu foton kun via artikolo**


